fine sukcesas, kaj li disŝiras la ultimaton, kiu estus trempinta du landojn en sangon.

Ambaŭ geaktoroj ludis sian rolon bonege. Plej bone plaĉis al mi la reĝino, kiu montris veran talenton. Kvarfoje la aplaŭdanta aŭskultantaro revokis la geaktorojn post la fino de la teatraĵo.

Due oni prezentis: „*Por kvietaj personoj*“, unuakta komedio de Emanuel Van Driessche, esperantigita ankaŭ de Amatus. La gesamideanoj, ludantaj tiun ĉi komedion, same bonege plenumis sian taskon. Estis: S-ro Karlo Urbez, Barcelona (Patro Knap), F-ino Eugénie Colijn, Gent (Lenjo), S-ro Otto Jann, Esslingen (Henriko), S-ro Fernand Doré, Troyes (Majstro Korus), F-ino Adela Ŝefer, London (edzino de Korus) kaj S-ro Emil Nicolau, Bukareŝt (polica komisario). La amuza komedio aperis kiel libreto, tiel ke ne estas necese tie ĉi resumi ĝian enhavon. La geprezentantoj akiris multe da aplaŭdo de la „publiko“, kiu kun vigla intereso, kaj ofte ridante pri la komikaj situacioj, sekvis la ludon.

Fine sekvis la senpacience atendita „granda okazaĵo“ de tiu ĉi vespero: la prezentado de „*La Revuo de la Sepa*“, unu akto de Jan, kun la kunlaborado de S-roj ĉefreĝisoro Arie Van den Heuvel kaj Jules Verstraete, ambaŭ de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antwerpen. Ĉiuj aliaj geinterpretantoj kaj geĥoristoj estis gesamideanoj el plej diversaj landoj. La programo anoncis: 1500 geinterpretontoj (se la publiko ankaŭ kantos)! La plena listo de la agintaj personoj (kompreneble nur sur la scenejo) troviĝas en la libro de la teatraĵo, eldonita de la Sepa. (Komparu la recenzon en G. E. 8 9 p. 185.) Nur la reprezentanto de Rubens en la lasta momento estis anstataŭita de S-ro Wichert, *Charlottenburg*, ĉar S-ro Vega (Hungarujo), kiu studis la rolon, for de la kongreso estis vokita al la militservo. (Malagrabla afero, ĉu ne?) — La orkestreto, kiu akompanis la solajn kaj ĥorajn kantojn, staris sub la direktado de Dro Van der Biest kaj konsistis el Antwerpen'aj gesamideanoj. Kaj la sukceso? Bonega! Mirinde estas, kiel bone ĉiuj ludantoj plenumis sian rolon, kvankam povis okazi nur kelkaj provoj. La „akto“ estas plena de spritaj kaj trafaj aludoj al la lastaj okazintaĵoj en Esperantujo. Kiu ne ĉeestis la prezentadon, nepre legu la libron de tiu ĉi teatraĵo, kiun la ĉeestantoj akceptis kun grandega plezuro. Precipe kiam la Semanto (Dro Zamenhof) aperis sur la scenejo, ekaŭdiĝis longedaŭra aplaŭdo, tiel ke la reprezentanto de tiu ĉi rolo, S-ro Van de Velde, por kelkaj minutoj ne povis komenci sian parolon. Kaj ankaŭ nia Majstro estis tre amuzita, vidante sian enkorpigitan portreton sur la scenejo. — Entute la vespero estis plensukcesa, kaj ĝi finiĝis per la komuna kanto de nia himno.

Belegan ĝuon havis la aŭskultantoj de „*Flandraj Kantoj*“, kiuj estis prezentataj lundon vespere. Ĉiu popolo posedas trezoron da popolkantoj, kiun ĝi konservas kiel sanktaĵon. En la popolkantoj respegulas la animo de la popoloj, kaj ili estas ŝatataj de ĉiuj anoj. Tian multvaloran trezoron ankaŭ posedas la flandra popolo, kaj estis bonega ideo de la „Sepo“, aŭdigi al ni kelkajn pecojn el tiu trezoro. Bedaŭrinde mi ne povis aŭdi la plenan programon, kiu konsistis el du partoj: malnovaj kaj nuntempaj kantoj. Sed tio, kion mi aŭdis, estis vere rava, kaj la tuta aŭskultantaro nur havis unu juĝon: ĉarmega kaj belega. La programo estis sufiĉe longa; tamen multaj samideanoj bedaŭris, ke ĝi ne ankoraŭ estis pli longa. Kelkaj el ili eĉ deziris aŭskulti dum la tuta nokto! Kompreneble la bona sukceso en unua vico estas la merito de la gekantistoj, kiuj prezentis al ni la kantojn. Estis fame konataj artistoj: F-ino Bertha Seroen de la Reĝa Operejo de Bruxelles kaj F-ino Edith Buyens, S-roj Jaak Bol kaj Jan Collignon de la Flandra Operejo de Antwerpen. — En la „*Kongresa Gazeto*“ troviĝis la tekstoj de la kantoj kune kun esperanta traduko. Tiamaniere la multnacia ĉeestantaro bone komprenis la sencon de la kantoj, se ankaŭ ne estis eble redoni en la traduko ilian plenan ĉarmon.

Sed nun mi venas al la ĉefa okazintaĵo en la Flandra Operejo: al la prezentado de „*Kaatje*“, kiu dufoje, mardon kaj merkredon vespere, okazis. Ambaŭfoje ĉiuj disponeblaj sidlokoj estis okupitaj. Mi partoprenis la unuan prezentadon, kiun ankaŭ nia Majstro ĉeestis. Se estas permesate, mi en tiu ĉi afero iomete parolos pri mi mem. Malkaŝe mi konfesas, ke mi iris al tiu ĉi prezentado kun iomete dubaj sentoj. Mi ja multe aŭdis pri la sukcesplena Ifigenio-prezentado en Dresden; sed la genia verko de Goethe jam antaŭe promesis iom da sukceso pro tio, ke ĝi estas sufiĉe bone konata kaj jam tradukita en kelkajn naciajn lingvojn. Ĉu „*Kaatje*“, kiu estas tute speciala verko el la flandra literaturo kaj preskaŭ ne konata ekster la flandra popolo, ĉu tiu ĉi teatraĵo, kiu laŭdire enhavas belajn versojn, sed nur malmulte da agado, tiel ke la tuta sukceso sole dependas de la ludo de l' prezentantoj, ĉu tia teatraĵo vere sukcesos? Ĉu la geaktoroj sufiĉe bone posedos nian lingvon, por efike prezenti la verkon al nia anaro? Jen miaj duboj. Mi decidis fari provon, kaj pro tio mi ne konatiĝis kun la kvarakta verko de Paul Spaak, ne legante la esperantan tradukon de Jan. Mi volis formi mian juĝon ĉe la prezentado mem, tute ne influita de antaŭa scio. — Nu, same malkaŝe mi devas konfesi: mi estis surprizata! Ĉu tio efektive estis „artefarita“ lingvo, kiu elfluis el la buŝoj de la geaktoroj; ĉu ĝi ne pli vere estis vivanta lingvo de granda popolo, kies reprezentantoj en la aŭditorio senpene povis sekvi la parolojn kaj okazintaĵojn sur la scenejo? Ĉu eble ĉio estas iluzio, kaŭzita per la influo de la kongrestagoj? Ne, ĉio estas vero, realaĵo! De sceno al sceno kreskis mia surprizo kaj same miaj ĝojo kaj entuziasmo pri tio, ke denove nia lingvo brile pruvis sian taŭgecon. Eĉ ne unu minuton mi perdis la intereson pri la verko, kiu bonege estis ludata. Kaj kiom bone la geaktoroj posedis kaj parolis nian lingvon! Tiom bone, ke eĉ ne unu vorteto de la tuta teatraĵo nekomprenata trapasis mian cerbon. — Kion mi diris pri mi, ankaŭ sentis ĉiuj aliaj ĉeestantoj, kaj unuanime oni jam dum la paŭzo konstatis, ke la prezentado de *Kaatje* estas neatendita, brilega sukceso.

La geaktoroj, kiuj sin submetis al tiu ĉi malfacila, sed tamen bela tasko, plene meritis la aplaŭdon, kiun la entuziasmigita publiko malavare direktis al ili; post ĉiu akto ili tri-, kvar- eĉ sesfoje estis revokataj. Plej granda la aplaŭdo estis post la tria akto, kiam la prezidanto de la Sepa, S-ro Van der Biest-Andelhof aperis sur la scenejo kaj, en la nomo de la aŭskultantaro, per varmaj vortoj eldiris koran dankon

al la geaktoroj. Estas famaj artistoj de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antwerpen: S-inoj Hélène Bertrijn (Kaatje), Marie Verstraete (Patrino), Magda Janssens (Pomona); S-roj Jules Verstraete (Jan), Karel Van Rijn (Patro). Plue S-ro Van der Biest-Andelhof ankaŭ dankis la ĉefreĝisoron, S-ron Arie Van den Heuvel, dum la publiko ne trankviliĝis, ĝis fine la tradukinto, S-ro Dro W. Van der Biest, venis sur la scenejon kaj povis akcepti nian plej sinceran dankon por sia bonega laboro. — Estis neforgesebla vespero!

Ĵaŭdon okazis literatura posttagmezo. Komencigânta per la komuna kanto de nia himno, ĉe la eniro de Dro Zamenhof kun edzino, tiu ĉi interesa posttagmezo prezentis al ni fortepianaĵojn, luditajn de S-ro A. D. Grieve el Montrose (Skotlando), kaj kantojn, faritajn de F-ino A. Melchior el Kopenhagen, S-ro J. S. Brand el Dundee, S-ro C. R. Mackay el Montrose. Ĉiuj nomitaj estas blindaj gesamideanoj, pri kies prezentadoj oni sentis emociplenan kortuŝon. Dank' al Esperanto kaj dank' al la bela muziko, niaj kompatindaj gefratoj posedas kvazaŭ du stelojn, kiuj iomete lumigas la ĉiaman nokton, ilin ĉirkaŭanta.

Plue ni aŭdis amuzan monologon („esperantista romano") de Dro W. Van der Biest: „*Ŝi ne legos ĝin*", ĉarme deklamitan de F-ino J. Vermeulen el Antwerpen, kaj bonstilan tradukon el la Biblio: „*Simson kaj Delila*", verkitan kaj kun granda talento prezentatan de S-ino Elb el Kötzschenbroda.

Sed plej interese estis la parolado, kiun S-ro Edmond Privat el Ĝenevo faris pri „*La esperanta literaturo*". Mi jam ofte aŭdis pri la elokventeco de S-ro Privat, kaj pro tio mi ĝojis, ke mi havis okazon aŭskulti lin. Li parolis pri la komenco de nia literaturo kaj pri ĝia esenco kaj valoro por la evoluo de Esperanto. Plue li klarigis, ke lingvo ne estas kreata per granda vortaro, sed de la verkistoj, kiuj uzas la lingvon, kaj li konsilis, ne tro multe diskuti pri lingvaj demandoj. Li ankaŭ donis trafajn ekzemplojn por sia aserto, ke la homoj, kiuj ne lernas Esperanton estas malsaĝuloj! Kaj fine li deklamis funebran versaĵon esperantan, por montri, ke lingvo, en kiu oni povas plori, estas lingvo kaj ne artefaritaĵo. — Grandega aplaŭdo sekvis tiun ĉi instruan paroladon, kiu estis laŭdire ĝis nun la plej bona de la sprita oratoro.

Fine okazis la raporto pri la literaturaj konkursoj de la Sepa kaj la disdono de la premioj al la ĉeestantaj gajnintoj. La plena raporto aperos en la venonta numero. Tie ĉi mi nur antaŭe mencias la du premiitojn en la konkurso de *Germana Esperantisto* (N-ro 19, temo: Priskribo de popolaj moroj aŭ popolaj legendo). Ambaŭ estas bone konataj esperantistoj: S-roj Devjatnin el Kovno (Rusujo) kaj Schröder el Wien. En la nomo de nia redakcio mi ankaŭ ĉi tie kore gratulas la du laŭreatojn.

Per tiu ĉi posttagmezo finiĝis la prezentadoj en la Flandra Operejo, kaj mi nur ankoraŭ devas raporti pri la vaporŝipa ekskurso sur la Schelde, pri la balo kaj pri kelkaj aliaj okazintaĵoj. Sed ĉar tiu ĉi raporto jam fariĝis sufiĉe longa, mi nun interrompas ĝin kaj finos en la venonta numero. Sed por hodiaŭ mi ne volas fini, antaŭ ol mi plenumis necesan devon, t. e. danki la aranĝintojn de la Sepa por la agrablaj kaj belaj horoj, kiujn ili per la priskribitaj kaj priskribotaj plezuroj havigis al la kongresanoj. Ĉarmaj travivaĵoj restas por ĉiam en la memoro, kaj mi kredas, ke tio okazas al ĉiuj Sepanoj same kiel al mi.

*F. Ellersiek.*

## 2. Kongress der Universala Esperanto-Asocio.

Im unmittelbaren Anschluss an den Allgemeinen Kongress fand der 2. Kongress der U. E. A. statt, unter der bewährten Leitung ihres Präsidenten Mudie. Am Sonnabend, d. 26. August, nachmittags 5 Uhr fand die Eröffnung im Beisein des Ehrenvorsitzenden Dr. Zamenhof statt. Es wurden verschiedene Begrüssungsansprachen gehalten, während die Arbeitssitzungen am Montag, dem 28., ihren Anfang nahmen und bis Dienstag nachmittag dauerten. Die erste Sitzung, am 28. vormittags 9½ Uhr, behandelte die Tätigkeit im vergangenen Jahre, die Finanzen der Gesellschaft und verschiedene organisatorische Fragen. Es wurde beschlossen, Fachorganisationen zu schaffen, z. B. für Handel und Industrie, Sport, Sammelwesen, Ferienaufenthalt usw., die gemäss einem Antrag von Dr. Kandt das Recht haben, sich einen selbständigen Namen zu geben mit dem Zusatz in Klammern „Fako de U. E. A."

In der Nachmittagssitzung wurden Fragen des Tourismus, der Frauenwelt, Jugend, Arbeiterschaft besprochen. Am Dienstag vormittag wurden die verschiedenen Handel und Industrie betreffenden Anträge beraten und die schon bestehende Kommission beauftragt, einen Organisationsplan für eine besondere Gesellschaft (als Fach der U. E. A.) auszuarbeiten. Vorschläge sollen an Dr. Kandt-Bromberg gesandt werden.

Alsdann wurden verschiedene andere Berichte entgegengenommen und ebenfalls die Organisation besonderer Fächer beschlossen. Auf Antrag von Stromboli-Genua sollen die Delegierten Beschluss darüber fassen, ob fortan auch auf den U. E. A.-Kongressen *Rajtigitaj Delegitoj* die Mitglieder der Gesellschaft vertreten sollen, wofür er und verschiedene andere Redner warm eintraten. Schmid-Bern berichtete über die Organisation der „*Brücke*". Die Wahl des nächsten Kongressortes wurde dem Vorstand überlassen. Im grossen und ganzen hatten die Kongressteilnehmer den Eindruck, dass die Beschlüsse des 2. Kongresses von weittragender Bedeutung sein und der U. E. A. viele neue Freunde zuführen werden. Wir werden in den nächsten Monaten über deren Ausführung wiederholt zu berichten haben.

*K.*

## 2. Internationaler Kongress der esperantistischen Katholiken.

Ueber diesen Kongress ist uns leider ein Bericht nicht zugegangen. Er fand in der Woche vom 13. bis 19. August, also unmittelbar vor dem „Sepa", in Haag statt, und tagte unter dem Vorsitz des Abtes Austin Richardson. Papst Pius X. hat den Teilnehmern an dem Kongress den päpstlichen Segen mit vollem Ablass erteilt. Monsignore Giambene in Rom nahm die ihm angebotene Präsidentschaft der Kommission für Abfassung eines theologischen Wörterbuches in Esperanto an. Er schrieb an Abt Richardson: „Ich bin tief überzeugt, dass Esperanto der Kirche

wird sehr nützlich sein können. Ich schäme mich durchaus nicht, mich öffentlich als einen Esperantoliebhaber zu bezeichnen." — Die Teilnehmerzahl dieses Kongresses überstieg 300, und vertreten waren 15 Nationen.

---

## Triumfo de Esperanto.

Tiel grava ĉiutaga gazeto de Spa (Belg.) nomis la grandan demonstracion, celantan la propagandon de Esperanto en tiu urbo. Jen mi povas detale raporti pri tiu grava okazintaĵo, aranĝita post la Kongreso de Antwerpen.

Merkredon, la 30an de Aŭg., je la 9a matene, alvenis en Spa la partoprenantoj de la postkongresa vojaĝo tra Belgujo. Estis ĉirkaŭ 120—150 personoj, kiuj ĉe la stacidomo estis akceptataj de Dro Kandt (Bromberg) kaj gvidataj de li al la hotelo „Laeken". De tie ili faris promenadon al la montetoj kaj admiris de supre la belan pejzaĝon de Spa kaj ĉirkaŭaĵo. Je la 11a ili eniris en la parkon de Spa, kie ili estis surprizataj per la ekvido de granda esperanta standardo, dependanta de sur la orkestrejo. Post la tria muzikaĵo la orkestro ludis nian „Esperon", kaj ĉiuj esperantistoj tuj ekkantis, kaj multaj bangastoj deziris la duan fojon aŭdi la melodion. Poste la esperantistoj kune vizitis la urbon. Unu horon poste ili komune tagmanĝis en la granda halo de la hotelo „de Flandre". Dro Allende el Bilbao (Hisp.) faris la unuan toston je la reĝo de Belgujo. Poste Dro Kandt (Bromberg) salutis la belgajn amikojn, speciale la Spa'anojn, kaj alia partoprenanto de la karavano tostis je la komunumaj aŭtoritatoj de Spa. Prof. M. Hault el Spa salutis la kongresanojn. Post la tagmanĝo la esperantistoj vizitis la fame konatan banejon, kie ilin gvidis S-ro Decq, la direktoro de la banejo. Samideano el Belgujo tradukis esperanten la klarigojn de S-ro Decq.

Bedaŭrinde la plej multaj el la esperantistoj devis forlasi Spa'on por daŭrigi la rondvojaĝon. Nur kelkaj el ili restis por prepari grandan propagandan vesperon. Dank' al la energia laboro de nia samideanino S-ino Biske el Baden apud Wien, kiun helpis Dro Kandt kaj S-ro Moscheles, estis atingata plena sukceso.

Jam vendredon la ĉefurbestro invitis ĉiujn geinstruistojn en la urbdomon, por ke ili aŭdu raportojn de S-ino Biske, S-roj Dr. Kandt, Moscheles kaj pastro Harison. Lundon, la 4an de Sept., vespere je la 8a, komenciĝis en la granda salonego de la „Casino" la propaganda festo. La ĉambrego estis plenigita de ĉirkaŭ 2000 personoj. Unue S-ro Decq salutis la ĉeestantojn kaj parolis pri la servoj de universala helplingvo. Poste S-ino Biske traktis la historion de Esperanto. Prof. Hault parolis pri la neceseco de internacia lingvo por la internaciaj rilatoj. Ĉiuj parolis en franca lingvo, dum poste S-ro Moscheles faris anglan paroladon pri Esperanto en la servo de la paco. Fine Dro Kandt parolis en germana lingvo pri la apliko de Esperanto en la praktika vivo. F-ino Strunck, direktorino de la pensiono „Lecocq", tradukis la lastan paroladon francen. Je la 10a komenciĝis granda koncerto, je kies fino oni ludis nian himnon. Post la koncerto multaj ĉeestantoj rigardis la ekspozicion, aranĝitan de la esperantistoj, kaj enskribis sin en la liston por senpagaj kursoj, kiujn S-ino Biske intencas doni.

Estas rimarkinda fakto, ke la estraro de la nova esperanta grupo parte konsistas el antaŭaj idistoj, kiuj post malsukceso de Ido en Spa deklaris, ke ili de nun restos esperantistoj. Honora prezidanto estas S-ro Peltzer, ĉefurbestro de Spa, prez. S-ro Emile Decq, vicprez. S-ro Hault, profesoro kaj urba konsilanto. Inter la honoraj membroj ni trovas la nomojn de S-ro Dro Kandt, S-ro Moscheles kaj S-ino Dro Biske. Por la kursoj la baneja administracio disponigis la belan salonon de konferencoj en la banejo kaj centro de la urbo.

La proksiman tagon oni ripetis la propagandon en la parko. Tiam ankaŭ Dro Hanauer el Bruxelles ĉeestis kaj parolis pri Esperanto kaj instruaj metodoj. Ankaŭ ĉi tiu demonstracio havis bonan sukceson.

Ĉar ĉe la propagando en Spa ne nur ĉeestis multaj loĝantoj de la urbo, sed ankaŭ fremduloj el plej diversaj landoj, oni povas esperi, ke ankaŭ ĉi tio helpos iomete al la disvastigado de Esperanto.

*Ĉeestinto.*

---

## Internacia Esperanto-Antaŭkongreso

### en la Internacia Higiena Ekspozicio Dresden la 16an ĝis 18an de Aŭgusto 1911a.

Dresden invitis — kaj multaj, multaj venis, ĉu anoj de Saksa Ligo Esperanto, ĉu membroj de la estraro kaj konsilantaro de G. E. A., ĉu Akademianoj aŭ ĉu simplaj esperantistoj, kiuj kun samideanoj diversnaciaj volis partopreni en esperantista kaj esperantisma manifestacio, samtempe ĝuante la belan Dresden'on kaj la Internacian Higienan Ekspozicion ĵus okazantan. Kaj ĉiuj estis kontentaj, ke ili faris la vojaĝon al Dresden, ili travivis belajn tagojn en nia gastama urbo kaj forlasis Dresden'on, ĉu por reveni hejmen, ĉu por iri al la „Sepa" kun la certa konvinko, ke ili bone uzis la tempon kaj — mem ĝuinte — helpis al la sukceso de l' kongreso. Por la neĉeestintoj, la kompatindaj, estu en la jena raporto priskribitaj la kongresaranĝoj, por ke ili certe partoprenu en iu venonta kongreso atingebla por ili; por la partoprenintoj tiu raporto eble helpas veki rememoron al tiu aŭ alia speciale bela horo de l' kongreso. Entute partoprenis la kongreson pli ol 500 samideanoj; 379 aĉetis kongreskarton, inter ili estis 55 eksterlandaj esperantistoj.

Bela komenco de la kongresa vivo jam estis la monata kunveno de Societo Esperanto Dresden, en kiu jam partoprenis kelkaj el la eksterlandaj gastoj. Specialan intereson vekis la deklamadoj de la ĉarmaj „Robinidoj" el Bukaresto, ĵus alvenintaj de longa vojaĝo alkongresa. La sekvanta tago estis dediĉita al serioza laboro — ekzamenoj ĉe la Saksa Esperanto-Instituto kaj kunsidoj de l' estraro kaj konsilantaro de G. E. A. Vespere en la granda serioza parolad-ĉambrego de la Internacia Higiena Ekspozicio okazis propaganda kunveno publika, vizitata ankaŭ de multaj neesperantistoj, kiuj atentege aŭskultis la entuziasmigan paroladon de la fame konata aktoro Emanuel Reicher el Berlin, kiu al ni esperantistoj speciale estas en bona memoro kiel

aranĝinto de la Ifigenio-prezentado dum la „Kvara". En elokventa maniero la parolanto montris la necesecon de internacia lingvo ĝenerale, la bonajn ecojn de Esperanto speciale, kaj la multoblajn aplikojn de nia lingvo por la plej diversaj celoj praktikaj, sciencaj kaj artaj. Konvinke pruvis S-ro Reicher, ke Esperanto en la nuna formo estas tute taŭga por ĉiuj ĉi celoj, kaj ke la fundamento estas la plej bona rimedo, daŭre garantii la taŭgecon de Esperanto. Konservi la fundamenton aŭ ne — jen la demando por la esperantistaro „Ĉu esti aŭ ne esti?" Post la multe aplaŭdita parolado dekduo da eksterlandaj esperantistoj pruvis per mallongaj paroladoj, ke Esperanto same belsonas, ĉu parolata de filo de vulkanema Italujo, ĉu de Usonano, ĉu de samideanoj bulgaraj, rumanaj, polaj aŭ de vigla franca buŝo, de samideanino el Transvaal aŭ de bruna sendito de Hindujo. Konvinkaj estis tiuj ekzemploj. Post la fino de tiu vespero, kiu espereble multajn ĉeestantojn instigis al la lernado de Esperanto, oni kuniĝis en la ekspozicia kafejo „Corso" ĉe riĉa esperanta lumigado.

La 17an de Aŭgusto matene la Saksa Ligo Esperanto havis eksterordinaran kunvenon bone vizitatan. Dro Arnhold prezidis kaj en eble duhora laboro oni pridiskutis gravajn demandojn pri la taskoj de la ligo. Je la 11a en la bela societo-salonego de „Künstlerhaus" kuniĝis eminenta societo — multaj plej altrangaj personoj de Dresden sekvis la inviton de la „Germanakademia Esperanto-Asocio". Ili estis salutata de Profesoro Schmidt, Potsdam. Post liaj salutvortoj Profesoro Göhl-Riesa faris vere rimarkindan paroladon pri „La rajto de Esperanto je la superaj lernejoj". Liaj klarigoj estis treege interesaj, kaj la granda aplaŭdo post la fino de lia parolado montris, ke la aŭskultantaro plene aprobis lian opinion pri la temo. Poste parolis Pastro Lösche-Wurzen pri „La reciprokaj rilatoj de Esperanto kaj teologio", Dro Seemann-Danzig pri „Internacia medicino" kaj Dro Thalwitzer pri „Esperanto kaj Ruĝa Kruco". Tiuj, kompreneble germanaj paroladoj estas tre grava propagando en la vicoj de la homoj kun supera klereco kaj la „Deutsch-Akademischer Esperanto-Bund" donis per tiu bonega aranĝo unuan pruvon de sia neceseco. En nepublika kunsido posttagmeza tiu asocio estis oficiale fondata, kaj tuj pli ol 120 membroj aliĝis. Dum diversaj horoj kunsidis en tiu tago la Internacia Ligo de Poŝtoficistoj, la Stenografiistoj laŭ Gabelsberger, la anoj de U. E. A., kaj la germanaj poŝtkaj telegrafaj oficistoj. En komuna kunsido de la kongresanoj Sinjoro von Frenckell parolis pri diversaj demandoj organizaj, kun speciala konsidero de la taskoj de la „Sepa". La vespero denove kunigis la esperantistojn kaj multajn invititajn gastojn en la granda ĉambrego de la Internacia Higiena Ekspozicio je la oficiala ĉefkunveno de la kongreso. Dro Schramm gvidis la kunvenon, dum kiu ĉefe la reprezentanto de la urbo Dresden, Stadtrat (urba konsilanto) Dehne en germana kaj esperanta lingvoj salutis la kongresanojn; post tiu plej afabla kaj rilate al la konsekvencoj tre grava parolado, la kongreso estis salutata de la reprezentantoj de multaj naciaj asocioj kaj ligoj, kaj fine Prof. Dro Rohrbach-Gotha en tre interesa formo parolis pri Esperanto kaj logiko. Riĉa aplaŭdo sekvis tiun spiritplenan festparoladon.

La venontan tagon, vendredon, matene je la 9a, mi, la imaga gvidinto de vi, karaj legantoj de Germana Esperantisto, tra la I. H. E., nun reale povis plenumi tiun taskon, gvidante eble 50 gesamideanojn tra tiu ampleksega ekspozicio. La tempo estis tre, tre mallonga, por nur iomete detale klarigi la multegajn elmontraĵojn — tamen mi esperas, ke la kunrondirantoj ricevis per mia gvidado ĝeneralan ideon pri tiu universala ekspozicio kaj pri la vastega kampo de higieno, kaj ke ili en la hejma urbo instigos multajn al vizito de ĝi. La festeno en la eleganta kafejo „Esplanade" de la ekspozicio certe al ĉiuj partoprenintoj postlasis nur bonajn rememorojn. Post ĝia fino oni devis tuj iri al la „batalkampo", kie sub la lerta gvidado de Dro Thalwitzer ekzercadis esperante-parolantaj kolonoj de la „Ruĝa Kruco", kaj de tie vokis la preskaŭ tro riĉa programo al „Vereinshaus", en kies vasta salono nun montriĝis la bela bildo de niaj preskaŭ jam tradiciaj, tamen ĉiam denove forte allogantaj Dresdenaj Esperanto-festoj. Eble 900 ĝis 1000 personoj sekvis kun granda ĝojo la prezentadojn, el kiuj speciale citindaj estas dancoj de esperantistaj infanoj el la grupo „En juneco nia espero", bonege aranĝitaj de nia „Spritulino", Fraŭlino Bresch, kaj japana danco de aninoj de la Sinjorina grupo Dresden, sub gvidado de F-ino Wakczynska; virinaj ĥoroj, kiujn lerte gvidis Fraŭlino Lehner, kaj kiuj arte estis akompanataj de konataj Dresdenaj muzikistoj. Sinjorino von Frenckell-Nast kaj Fraŭlino Freund, ambaŭ de la Dresdena Reĝa Opero, afable prezentis esperantajn kantojn kaj akiris grandan aplaŭdon, kio estas tute komprenebla, se tiaj brilaj steloj de l' opera ĉielo malsupreniĝas al ni! Entuziasme la ĉeestantaro poste kantis la „Esperon" kaj je l' fino de la programo unuakta ŝerco, „La Natur-kuracmetodo", ludita de membroj de Societo Esperanto Dresden kaj aranĝita de la Reĝa operkantisto Bössel tre gaje kondukis al la balo. Kaj kvazaŭ dancante, kun verdaj lanternoj en la mano, la 98 forvojaĝantoj al Antwerpen atingis sian vagonaron, kiu je la 3[41] forlasis Dresden'on, akompanata de la sonoj de l' Espero. Por la restintaj kongresanoj la sabato kaj dimanĉo enhavis ekskursojn kaj vizitojn al la urbo kaj ĝiaj vidindaĵoj, kaj finis tiuj tagoj, kiel preskaŭ ĉiuj kongrestagoj, per agrabla kunesto en la esperantista kafejo „Corso" en la bela Herkules-Aleo de la Internacia Higiena Ekspozicio.

Cetere ekspozicio esperanta ja ankaŭ okazis kaj estis multe vizitata de esperantistoj kaj neankoraŭ-esperantistoj. Dro Schramm bonege aranĝis ĝin en la nova parlamentejo, la sidejo de la Saksa Esperanto-Instituto!

Kaj nun — karaj neĉeestintoj, ĉu vi ne bedaŭras vian foreston? Mi supozas ke jes. Demandu la feliĉajn ĉeestintojn, kaj ili certigos al vi, ke por partopreni en kongreso nur helpas, se iel eble, alveturi ĝin! Estonte vi tiel agu! Ĝis la revido!

*J. K.*

# Germana Kroniko.

*Ĉiuj grupoj kaj izolitaj samideanoj estas petataj, sendi al ni kiel eble plej akurate mallongajn raportojn pri sia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en sia urbo aŭ regiono. La raportoj devas alveni ne pli malfrue ol la 20an de ĉiu monato.*

**Brandenburga-Pomera Esperanto-Ligo.** Laŭ iniciato de la Esp.-Grupo Charlottenburg tiu ĉi ligo estas fondita la 10an de Sept. en Charlottenburg. La antaŭan vesperon okazis bone vizitata propaganda kunveno en „Schiller-Restaurant". La oratoroj de la vespero estis S-roj patentadvokato Schiff (Berlin) kaj Dro Kandt (Bromberg). La interesegaj raportoj pri la Sepa, kiujn donis S-ro Dro Kandt, trovis atenteman aŭskultantaron. La 10an matene okazis la laborkunveno de la grupdelegitoj. La provizora, antaŭmetita regularo, ellaborita laŭ la normalregularo de G. E. A., estis akceptata kun malgrandaj ŝanĝoj. Aliĝis 7 grupoj. Kiel gvidlokon por du jaroj oni elektis Charlottenburg'on. Post la kunveno okazis komuna tagmanĝo kaj poste promenado tra la urbo. La vespera festo en la salono de „Schiller-Restaurant" kunigis multajn samideanojn kaj gastojn ĝis longe post noktmezo. S-ro Wichert prezentis lumbildojn pri Antwerpen kaj la Sepa; teatraĵo kaj kantoj amuzis la ĉeestantojn.

**Altona a. E.** En „Logenhaus" de la bontemplanoj S-ro Philipp faris propagandan paroladon, raportante pri la 7a Internacia Esperanto-Kongreso.

**Annaberg i. Sa.** En la tiea grupo S-ro rektoro Saphra faris tre interesan paroladon pri la Antaŭkongreso en Dresden.

**Berlin.** La 15an de Aŭg. S-ro Devjatnin, konata rusa verkisto el Kovno kaj S-ro Radziminski, prezidanto de la esperanta grupo Kamienskoje (Rusl.) vizitis la ĉefgrupon, veturante al la „Sepa". — La 5an de Sept. S-ro James F. Morton el Usono, kiu post vizito de la Sepa faras vojaĝon tra Eŭropo, vizitis la ĉefgrupon kaj parolis pri la Sepa kaj pri la esperanta movado en sia lando. — En la oficiala monata kunveno de la gruparo S-ro Dro Kandt tre interese raportis pri la Sepa kaj la granda demonstracio esperanta en Spa. — Plue oni elektis komision por preparo de reorganizado de la gruparo, laŭ modelo de aliaj grandaj urboj. La proponoj de la komisio, kies estro estas S-ro F. Ellersiek, estos enmetataj en la tagordon de la ĝenerala kunveno en Decembro. — „Grupo Orienta" aranĝis ciklon da paroladoj pri „La historio de Esperanto", kiu komenciĝis per parolado de S-ro de Luczenbacher pri „La historio de mondlingvoj kaj la unua tempo de Esperanto". La 24an de Aŭg. S-ro Kretzschmann faris raporton pri la Antaŭkongreso en Dresden. La 31an de Aŭg. S-ro William daŭrigis la paroladciklon, parolante pri „La Unua Kongreso de Esperanto". — En restoracio „Servus", Blücherplatz 3, komenciĝis nova kurso, gvidata de S-ro Köhler. — La 5an de Sept. S-ro Ernst Wichert faris propagandan paroladon en „Stenographische Gesellschaft Gabelsberger zu Berlin". Vigla diskuto sekvis; speciala kurso por Gabelsbergeranoj estos aranĝata dum la vintro. — Fondiĝis „Laborista Esperantista Unuiĝo Grand-Berlino", al kiu apartenas la grupoj Centro, Moabit kaj Rixdorf. Prez. kaj oficejo: S-ro Adolf Sproeck, N. 58, Danzigerstr. 20; kas.: S-ro Otto Michel; sekr.: S-ro Richard Linke. La unuiĝo aliĝis al „Germana Laborista Esperantista Asocio". — Bonan propagandon por nia afero faras la fame konata kinematografa firmo Léon Gaumont. Ĝi prezentigas en ĉiuj filioj de „Union-Theater" kaj en aliaj samspecaj teatroj kinematografajn bildojn pri la „Sepa".

**Braunschweig.** La 6an de Sept. okazis granda monata kunveno, en kiu F-inoj Koerner kaj Volkmann raportis pri la „Sepa". — Komenciĝis 2 kursoj, gvidataj de S-roj Thienemann kaj Christoffel. En ili partoprenas 20 inĝenieroj kaj komercistoj de la tre konata firmo Amme, Giesecke & Konegen. — La grupo nun kunvenas ĉiumerkrede je la 8½ vespere en la restoracio „Zum Schultheiss", Sack 21-22, kaj ĉiuvendrede je la 8½ en „Parkhotel Café Lück".

**Bremen.** Komenciĝis kurso inter reallernantoj de la supera unua klaso, gvidata de S-ro Carl Renken.

**Breslau.** Kun ĝojo la grupo salutis S-ron Arnold Behrendt, kiu revenis el Berlin, same ankaŭ kelkajn tre ŝatindajn gastojn, inter ili S-ron Dron Feder el Temesvár (Hung.) kaj S-ron Bigalke el Bromberg. — Tre interesa vespero estis, kiam S-ro Prof. P. Tôrok el Debreczin (Hung.) kun du kolegoj kaj 14 gimnazianoj vizitis la grupon. Kelkaj membroj prenis sur sin la gvidadon de ĉi tiuj gastoj tra la urbo. La neesperantistoj inter la gastoj estis tre ravitaj pri la per Esperanto beligita vojaĝo. — Sekve de la artikolo „Esperanto kaj la lernejoj", publikigita de S-ro Mahn (vidu G. E. No. 7, p. 146), kelkaj gegrupanoj deklaris sin pretaj gvidi senpagan kurson por popollernantoj. Kurso gvidata de F-ino Luft jam komenciĝis. — Dum Aŭgusto kelkaj interesaj paroladoj estis aranĝitaj. S-ro Dro Geldner, la grupestro, bonege parolis pri „Unua helpo post subitaj akcidentoj". S-ro Mahn faris propagandan paroladon en la unuiĝo „Libera Penso". — La 6an de Aŭg. okazis esperanta ekzameno en „Laborista Grupo". Inter 3 plej sukcesantaj ekzamenitoj S-ro Majunke laŭlote gajnis monpremion destinitan por vojaĝo al la Antaŭkongreso en Dresden. — Grupkunvenoj ne plu okazas en „Theaterrestaurant" sed nur ĉiuĵaŭde en kafejo „4 Jahreszeiten"; tie oni ankaŭ povas legi kelkajn esperantajn gazetojn. — Okaze de la tiea centjara festo de la universitata fondiĝo „Akademische Blätter" en sia festnumero publikigis gravan kaj interesan artikolon de S-ro Prof. Rosenfeld, fama sciencisto, pri Esperanto kaj scienco.

**Danzig.** La 10an de Aŭg. vizitis la grupon S-ro Felix Zamenhof, frato de nia Majstro kaj S-ro Dro Grabowski. En iliaj adiaŭaj paroladoj ambaŭ laŭdis, ke la grupo ankaŭ fervore laboras dum la somero, kio bedaŭrinde ne okazas ĉie. — Komenciĝis nova kurso senpaga en la urba gimnazio, kie la direktoro S-ro Dro Spiess afable disponigis ĉambron.

**Dresden.** En la „Higiena Ekspozicio" dum la 16a—18a de Aŭg. okazis Internacia Antaŭkongreso, kiun ĉeestis pli ol 500 samideanoj, inter ili multaj eksterlandanoj. (Vidu la apartan artikolon.) — 10 oficistoj de la tiea urba tramo sukcese trapasis la ekzamenon de la Saksa Esperanto-Instituto. La ek-

zamenon, kiun gvidis S-ro Dro Schramm, ĉeestis S-roj direktoro Nier, supera inspektoro Böhmig kaj inĝeniero Mertens kiel reprezentantoj de la urba tramadministracio. — Fondiĝis nova grupo „Fideleco“ de katolikaj esperantistoj. Prezidanto estas S-ro Wenke.

**Esslingen a. N.** Dank' al la klopodoj de la tiea grupo la propagando ĉe la estroj de la superaj lernejoj havis bonan sukceson. 14 seminarianoj kaj 13 gimnazianoj kaj reallernejanoj partoprenas en du libertempaj kursoj, gvidataj de S-ro Dro phil. A. Mulert. — La tiea gazetaro ĉiam favore raportas pri Esperanto.

**Gera (Reuss).** S-ro Dro Ŝidlowski el Moskvo, ĉefinspektoro sanitara de lernejoj, vizitis kun sia fratino la grupon. Poste S-ro E. Ulitzsch Del. U. E. A. montris al ili la vidindaĵojn de la urbo kaj akompanis ilin al Neuhaus, kie propaganda vespero estis aranĝita.

**Görlitz.** „Esperanto - Societo Zamenhof“ ree malfermis la pordon de la societejo por enkonduki grandan amason da novaj membroj, varbitaj dum la sessemajna paŭzo. Novaj kursoj okazas merkredon, ĵaŭdon kaj vendredon. La grupo decidis, post la kurso doni premion al la plej bona lernanto.

**Grossschönau, Sa.** La grupo elektis novan estraron: S-roj J. Zosel (prez.), O. Häbler (vicprez.) R. Pilz (1a kas.), F-ino Else Göhle (2a kas.), S-ro K. Christoph (1a sekr.), F-ino E. Hartmann, (2a sekr.), S-ino Elsa Kleiner (bibl.). La oficejo restas ĉe S-ro Christoph, Grossschönau No. 304.

**Hamburg.** La 8an de Aŭg. Societo „Verda Stelo“ havis sian ĝeneralan kunvenon. Laŭ propono, direktita al la loka ligo, la grupo decidis aranĝi komunajn kursojn kun la aliaj lokaj grupoj. — La 8an de Sept., laŭ iniciato de S-ro Schöne, okazis en „Metropol-Theater“ kinematografa prezentado pri la „Sepa“ por la tiea esperantistaro. La direktoro de la teatro aliĝis kiel membro al societo „Verda Stelo“.

La 10an de Sept. „Verda Stelo“ faris multe vizitatan ekskurson al Aumühle-Bergedorf. — La 12an S-ro Hoffmeister faris tre interesan paroladon en la sama grupo pri la „Sepa“.

**Hannover.** La 6an de Sept. „Esperanto-Grupo“ havis sian ĉefkunvenon. Oni reelektis kiel estraron S-ron P. Gottgetreu (prez.), S-ron Bachrach (kas.), F-inon Schweizer (bibl.) kaj kiel sekretario estas nove elektita S-ro Wahlberg. Poste S-ino Hartog faris bonegan raporton pri la „Sepa“. — Post la 1a de Okt. la kunvenoj okazos en „Café-Restaurant Lange Laube“, Lange Laube 14, ĉiumarde je la $8^1/_2$ vespere.

**Hirschfelde.** Nova kurso senpaga komenciĝis.

**Ilfeld a. Harz.** La tiea grupo bone prosperas; dum la lasta tempo aliĝis multaj personoj. — La grupestro S-ro Albert Wendt proponas fondon de Nord-Germana Esperanto-Ligo kaj petas ĉiujn koncernajn grupojn interrilati kun li pri tiu ĉi afero. (Adr. S-ro A. Wendt, Ilfeld a. Harz, Kgl. Klosterschule.)

**Kiel.** La Esperanto-Oficejo Kiel nun estas Fleethörn 35. (S-ro A. H. Dittmer.) — La grupon aliĝis multaj maristoj de la imperiestra ŝiparo.

**Kottbus.** La societo komencis sian aŭtunan kaj vintran programon per regulaj kunvenoj semajnaj kaj, la 12an de Sept., per komenco de nova kurso por komencantoj. Jam kelkaj bonaj esperantistoj el la grupo transloĝiĝis eksterlanden, kaj al ĉiuj estis utila la scion de Esperanto.

**Lübeck.** Fondiĝis nova grupo sub la nomo „Komercista Esperanto-Grupo Lübeck“ kaj aliĝis al G. E. A., Nordalbinga Ligo kaj al la Loka Ligo Lübeck. La estraro estas jena: S-roj Heinr. Selmer (prez.), Fritz Koop (kas.), Carl Schüler (sekr.). La oficejo estas ĉe S-ro Selmer, Travelmannstr. 46. Kunvenoj okazas ĉiumarde en restoracio „Lachswehr“. Novaj kursoj komenciĝis por komercistoj en la „Instruista Seminario“. Ĝis nun aliĝis 21 membroj al la grupo.

**Mannheim.** Nova grupo estas fondita. Kunvenoj en restoracio „Graf Waldersee“, por komencantoj ĉiumarde kaj por progresintoj ĉiuĵaŭde.

**Neuhaus a. R.** „Esperantista grupo Gera“ tie aranĝis propagandan vesperon, en kiu S-ro Dro Ŝidlovski el Moskvo interese parolis pri siaj vojaĝoj tra Germanujo per Esperanto.

**Oldenburg, Gr.** En „Bund Deutscher Militär-Anwärter“ S-ro Frerichs faris propagandan paroladon pri Esperanto.

**Penzig.** „Esperanto-Societo Zamenhof“ el Görlitz tie en „Hotel zur Krone“ aranĝis sukcesplenan propagandan vesperon. Parolis S-roj Dro Goebel kaj Ferd. Mally. Prezentado de bela teatraĵo kaj dancado finis la vesperon. Grupo estos fondata, 29 personoj enskribis sin kiel membroj.

**Potsdam.** Mardon, la 17an de Okt., nova kurso komenciĝos ĉe la tieaj bontemplanoj. Ĝi estos malfermata per festa vespero, kiu samtempe celos propagandon. Estus granda ĝojo por la tieaj bontemplanoj kaj samideanoj, se oni afable alsendus ĝis tiam tre multe da kartsalutoj! Ili instigus la kursanojn kaj farus sukcesplenan propagandon. Adr.: S-ro Markau, Wollnerstr. 16, Potsdam.

**Reichenau i. Sa.** La 25an de Aŭg. la tiea „Esperanta grupo“ havis sian 2an ĉefkunvenon en hotelo „Phönix“. S-ro F. Köhler estis elektata nova kasisto, ĉar S-ro J. Heidrich, kiu ĝis nun havis ĉi tiun oficon, pro profesiaj devoj ne plu povas estri ĝin. La aliaj estraranoj estas reelektitaj. Por varbi novajn kursanojn, oni decidis aranĝi ekspozicion kaj fari propagandon en la tiea gazeto „Reichenauer Nachrichten“, kiu favoras Esperanton. Poste S-ro Pfennigwerth, estro de la grupo „La Progreso“ en Hirschfelde, kiu vizitis la grupon kiel gasto, raportis pri la Antaŭkongreso en Dresden.

**Rostock.** La tiea „Laborista Grupo“ aranĝis la 8an de Sept. propagandan kunvenon. S-ro Bock, Del. U. E. A., parolis pri „Esperanto und seine Bedeutung für die Arbeiterschaft“. Ĉeestis 110 personoj, kiuj montris viglan intereson. — Nova kurso, gvidata de S-ro Bock, komenciĝis.

**St. Ingbert.** La 16an de Sept. la grupo aranĝis Esperanto-feston en la salonego de „Harmonie“. — La tiea „Westpfälzische Zeitung“ tre favoras nian aferon.

**Stettin.** La 5an de Sept. „Esperantista Junularo“ havis sian jarkunvenon. Nova estraro estas elektita kaj konsistas el S-roj Fritz Ollhaber (prez.), Bismarckstr. 3; O. Brummund (sekr.); H. Lucas (kas.); W. Münster (bibl.).

**Zittau.** La 4a amika kunveno en Zittau okazos pro kelkaj kaŭzoj ne la 8an de Okt., sed la 15an de Okt., posttagmeze je la 3a en la grupejo „Hotel goldene Weintraube“. Espereble iu samideano, parto-

preninta la Antwerpen'an kongreson havos la afablecon mallonge raporti pri la kongreso. Ĉiuj samcelanoj el Zittau kaj ĉirkaŭaĵo estas petataj partopreni. Tia kunveno, dum kiu estas malpermesate paroli naciajn lingvojn, estas bona ekzercado por ĉiuj partoprenantoj.

*H. K.*

## Gazetaro.

Ĉar tiu ĉi kajero estas speciala numero pri kongresoj, ni dediĉu la plej grandan spacon de tiu ĉi rubriko al la raportoj kaj opinioj, kiujn la germanaj gazetoj aperigis pri niaj diversaj kongresoj. Sed kie komenci? Antaŭ la verkanto de tiu ĉi rubriko kuŝas amasego da eltranĉaĵoj el gazetoj, en kiuj la esperantistaj kongresoj estas pli-malpli detale pritraktitaj. Kun ĝojo ni denove povas konstati, ke la favoraj raportoj pri nia afero pli kaj pli plimultiĝas, dum la malfavoraj kaj mokaj artikoloj pli kaj pli malaperas el la kolonoj de la ĉiutaga gazetaro. Tio estas sendube ankaŭ unu el la sukcesoj de niaj kongresoj internaciaj kaj naciaj. Tre bone oni povis observi ĉi tiun fakton dum la „Sepa" en Antwerpen. La tiea gazetaro dum la unuaj tagoj raportis ja ne tute malfavore, sed tamen indiferente kaj kelkafoje iomete moke pri nia afero. Sed vidinte la grandan sukceson de la kongreso, jam de la unua tago, la gazetoj varmiĝis pri la okazintaĵoj de la kongreso, kaj de tago al tago la raportoj fariĝis pli interesaj kaj pli entuziasmaj. Kaj ni estas konvinkitaj, se ĉiuj ĵurnalistoj, kiuj rigardas nian aferon ridinda aŭ sin tenas indiferente kontraŭ ĝi, vidus aŭ ĉeestus niajn kongresojn, la kontraŭbatalo kontraŭ la ideo de universala helplingvo kaj ties reprezentanto Esperanto baldaŭ ĉesus. Sed por tion atingi, niaj kongresoj estas nepre necesaj. Ni ne povas konsenti kun tiuj samideanoj, kiuj opinias, ke baldaŭ speciale niaj internaciaj kongresoj ne plu estos necesaj. Male, ĉiam denove ni montru al la mondo la progreson de nia afero per grandaj demonstracioj, en kiuj ni povas pruvi, ke nia lingvo vere estas vivanta, kaj ke ĝi taŭgas por ĉiuj rilatoj de interpopola interkompreniĝo. Nur tiam, „vidante per propraj okuloj", la indiferentuloj kaj kontraŭuloj iom post iom konvinkiĝos pri la grandioza ideo, kiu sidas en nia afero.

Alia afero estas, ĉu ankaŭ en la gazetoj ĉesos la atakoj kontraŭ ni flanke de tiuj personoj, kiuj volas feliĉigi la mondon per iu pli bona lingvo ol Esperanto. Kun la progreso de nia afero ankaŭ kreskas la envio de tiuj „pliboniguloj", kaj eble pli ol nun ili estonte kontraŭbatalos nin per malĝustaj kaj erarigaj artikoloj, provante per tio senkreditigi Esperanton. Ĉu ni devas timi ilin? Ne, tute ne! La praktikaj, prudentaj homoj, kiuj komprenas la ideon pri internacia lingvo, ne demandos kaj pripensos: ĉu tiu aŭ tiu vorto de la lingvo estas bone elektita, ĉu ĝi estas sufiĉe internacia, aŭ ĉu tiu aŭ tiu regulo de la gramatiko ŝajnas ŝanĝinda. Ili preferos kaj alprenos tiun lingvon, kiu havas la plej grandan disvastiĝon, kaj kiu jam de longe estos praktike uzita, dank' al la facileco, firmeco kaj bonega konstruiteco de tiu lingvo. Jen la ecoj de nia Esperanto, pri kies venko ni ne dubas eĉ unu momenton.

Sed ni iomete flankeniĝis. Do ni parolu pri la germana gazetaro. Ne estas eble nomi ĉiujn gazetojn, kiuj raportis pri la kongresoj de Antwerpen kaj Dresden. Sufiĉu la konstato, ke ni ricevis multe pli ol 300 eltranĉaĵoj el germanaj gazetoj, pritraktantajn la kongresojn. Kelkaj, ekz. *„Nimm mich mit"*, Berlin (N-ro 50) kaj *„Die Wochenschau"*, Düsseldorf (N-ro 35) aperigis bildojn kun klarigaj tekstoj pri la Sepa. Aliaj, ekz. *„Frankfurter Zeitung"*, Frankfurt a. M. ĉiutage per privataj telegramoj raportigis pri la kunsidoj de la Sepa, dum speciale la Dresden'aj gazetoj *„Dresdner Anzeiger"*, *Dresdener Nachrichten"*, *„Dresdner Neueste Nachrichten"* kaj *„Dresdner Journal"* dum la tagoj de la 18a ĝis la 21a de Aŭg. detale raportis pri la tiea Internacia Antaŭkongreso.

Kelkaj gazetoj ankaŭ aperigis interesajn artikolojn, kiuj estas verkitaj de specialaj raportantoj. El ili ni citas:

*„National-Zeitung"*, Basel (9. 9.); *„Der Bund"*, Bern (8. 9.); *Bremer Tageblatt"*, Bremen (25. 8.); *„Krefelder Zeitung"* (27. 8.) kaj *„Niederrheinische Volks-Zeitung"* (26. 8.), Krefeld; *„Westpfälzische Zeitung"*, St. Ingbert (21., 26. kaj 31. 8.); *„Neue Züricher Zeitung"*, Zürich (11. 9.).

Strangan noton pri la Sepa ni trovis en *„Vossische Zeitung"*, Berlin (24. 8.); *„Tägliche Rundschau"*, Berlin (25. 8.) kaj *„Düsseldorfer Zeitung"* (27. 8.). En tiu artikoleto estas dirite, ke la Sepa okazis en B r u x e l l e s, kaj ke la esperantistoj ne povis interkonsenti pri la organizo de plej alta konsilantaro. Pro tio la kongresanoj preferis, plue trakti en unuopaj grupoj, kaj amuzege estis, vidi unuiĝintaj en specialaj grupoj la juristojn, vegetaranojn, Ruĝa-kruculojn kaj eĉ la katolikojn. — Ĉu estas necese diri pri tia absurdaĵo eĉ unu vorton? Bedaŭrinde nur estas, ke eĉ gravaj gazetoj senpripense represas tiajn sciigojn, senditajn al ili de iu senkonscienculo.

Tre favora al nia afero montras sin *„Laubaner Anzeiger und Zeitung"*, kiu ĉiusemajne raportas pri la novaĵoj el Esperantujo; same ĝi konstante pritraktas temojn, kiuj koncernas la ideon pri internacia lingvo.

En *„Mitteilungen der Handelskammer für den Regierungsbezirk Bromberg"* (N-ro 4/6, 1911) ni legis tre interesan juĝon de la Komerca Ĉambro de Bromberg pri Esperanto, donitan laŭ demando de la Esperanto-Centro en Potsdam. La juĝo, kies kopio ankaŭ estas sendita al la regiona registara prezidanto, rekomendas la enkondukon de Esperanto en la komercajn kaj aliajn similajn lernejojn.

En *„All' Deutschland"* (N-ro 32) nia redaktoro pritraktas la temon de malfacila interkompreniĝo inter la popoloj. Li aludas al la antaŭ ne longe okazinta tutslava kongreso en Belgrad, en kiu eĉ la reprezentantoj de sama raso ne povis interkompreniĝi kaj pro tio malpaciĝis. Fine li rekomendas Esperanton kiel helpilon, koncize raportante pri la ĝisnunaj sukcesoj de nia lingvo. — Por la aldono *„Handel und Wandel"* de la sama gazeto (N-ro 29), nia redaktoro verkis propagandan artikolon, kiu traktas pri la neceseco de Esperanto por komerco kaj industrio.

Aliaj propagandaj artikoloj aperis en: *„Danziger Zeitung"*, Danzig (11. 8.), „Esperanto und die Jugend" (Esp. kaj la junularo).

*„Westfälischer Merkur"*, Münster i. W. (20. 8.), „Die internationalen Esperanto-Kongresse" (la internaciaj Esperanto-kongresoj).

Couturat ersehen, dass er selbst sich nicht nach den Beschlüssen der Akademie richtet; denn meines Wissens unterscheidet man in Ido „vartar“ und „expektar“. Ich gebe aber zu, dass ich mich in diesem Punkte irren kann.

Meine Antwort lautet also und damit bekunde ich meine „Loyalität“: „Ich verpflichte mich bei einer Neuauflage der Postkarte jeden Fehler, der mir von idistischer Seite nachgewiesen wird, zu beseitigen.“ Da aus den Aeusserungen des Herrn Couturat zu schliessen ist, dass er glaubt, nicht die tatsächliche Ueberlegenheit des Esperanto über Ido gehe aus dem Wortlaut der Postkarte hervor, sondern dieser Anschein werde nur erweckt durch meine „irrtümliche“, von ihm als absurd bezeichnete Darstellung, so bin ich sehr begierig, von Ihnen zu erfahren, welche Fehler die Karte enthält, um sie zu beseitigen. Ich bezweifle vorläufig, dass es Ihnen gelingen wird, auch nur einen einzigen Fehler nachzuweisen.

Hochachtungsvoll
(gez.) *Dr. M. Kandt.*

*

Damit ist der Briefwechsel mit dem Deutschen Weltsprache-Bund vorläufig beendet. Inzwischen hat aber Herr Dr. Kandt aus dem idistischen Lager eine grössere Anzahl Zuschriften bekommen, die deutlich erkennen lassen, wie unangenehm den Idisten die Behandlung dieser Frage ist. Eine Anzahl begnügt sich mit öden Schimpfereien, die ja häufig die Stelle von Argumenten vertreten, wo solche fehlen. Andere sind sachlich gehalten, wie die der Herren Peus und Lorenz. Auch in der Augustnummer des *Progreso* behandelt Herr Couturat die Frage. Leider ist nun das Schreiben von Prof. Lorenz erst zu einem Zeitpunkte eingetroffen, in dem Dr. Kandt im Begriff war, zum Antwerpener Kongress zu reisen. Zu etwa gleichem Zeitpunkte erschien die Augustnummer des *Progreso.* Es ist daher nicht möglich, bereits in dieser Nummer auf die Sache näher einzugehen; dies wird eventuell in einer späteren Nummer geschehen.

---

## La infano estas malsana.

Rakonto de Herczeg Forencz.

La kurteno sur la pordo moviĝis kaj la glate kombita kapo de la flegantino de l' Ruĝa Kruco aperis en la biblioteko-ĉambro. Transe oni aŭdis mallaŭtan ĝemon.

La profesoro nenion aŭdis. Profundiĝinta en sia laboro, li sidis ĉe la skribotablo, kaj lia plumo kuris rapide kiel sago trans la blanka paperfolio. Sur la papero aperis unu linio rapide post la alia, la malgrandaj literoj, pure unu al alia ordigitaj kiel perloj; la skribaĵo mem estis tiel potenca, logika kaj senerara, tiel militema kiel la penso, kiun ĝi en la vortoj entenis — kiel militkriego en la jarcenta batalo: Tie ĉi estas la scienco, ekstere la fanatikeco de l' kredo. La spirito de la instruitulo estas akrega, lia koro glacie malvarma, lia animo pura kiel kristalo . . . En lia mano flamas la torĉo de l' scio. Kaj dum li per sia blindiganta lumo lumigas la sekretplenan krepuskbrilon de l' altaj preĝejoj, subite disfluas la bonodorfumo, pli malbrile lumetas la kandeloj kaj la formoj de la sanktuloj kun oraj kronoj sur la kapoj, kaj la sango-makulitaj martiroj ĉirkaŭe tremas . . .

„Sinjora moŝto!“

La virino de l' Ruĝa Kruco mallaŭte parolis al la profesoro: „Sinjora moŝto, ĉu vi bonvolus veni tien ĉi, la malgranda fraŭlino estas tre maltrankvila.“

Tuj li formetis la plumon, ĉar li rememoris, ke lia infano estas malsana.

Lia filineto kuŝas tie inter disjetitaj kusenoj, kun malordaj haroj, malbrilaj okuloj kaj febroardanta vizaĝo.

„Estas vi paĉjo! Sidiĝu ĉi tien, mi volas ion diri al vi.“

La profesoro kaptas ambaŭ ŝiajn manojn. Malgrandaj, varmegaj manoj, molaj kaj senfortaj kiel silkaj fadenaroj.

„Paĉjo, mi volas ion diri al vi . . . Ĉu vi scias, mi kredas, ke mi mortos . . .“

La profesoro subite konvulsie premas al si la tutan, malpezan kiel plumo korpon, kies blonda kapeto lace sur lian ŝultron falas. Malespere li rigardas en la ridetantan vizaĝeton.

Tiel, precize tiel, ridetis al li antaŭ jaroj alia febrovarmega vizaĝo, tute simila al ĉi tiu. Ridetanta infanvizaĝo — rememoro al dolĉa juneca revo. Febra estis ĉi tiu revo kaj dolĉa, tre dolĉa kaj tre mallonga — tiel mallonga preskaŭ kiel la kiso, kiun du amantoj iam interŝanĝis, dum florodora printempa mateno . . .

La infano komencis mallaŭte paroli: „Mi ne volas morti, estas pli bele vivi . . . mi bedaŭras pro miaj belaj vestoj kaj miaj floroj, kaj mia birdo kaj ankaŭ pro vi paĉjo . . .“

La profesoro kisis la malgrandan, fermitan manon, la infano parolis plue, mallaŭte kaj per disrompitaj frazoj: „Neniu min povas resanigi, escepte unu: la mirakla virgulino ĉe la lago . . . Jes! fratino Herta diris al mi, vi scias, la bela pala fratino en la monaĥinejo . . . Foje vespere ŝi kondukis min al koridoro, kiam la luno rekte tiel hele tra la altaj fenestroj brilis . . . Jes! ŝi diris al mi en la orelon: La virgulino de l' lago loĝas tie trans la akvo, sur rokpinto en kapelo . . . Orgenludon kaj kandellumon ŝi tre amas, pro tio brulas tie tage kaj nokte cent kandeloj kaj la orgeno ludas. Ŝi havas potencon super la vivo de junaj knabinoj kaj en la ĉielo oni neniam rifuzas peton de ŝi . . . Kiam juna knabino kuŝas mortonta, oni devas tien sendi

pian virinon kaj anonci la danĝeron . . . la pia virino devas alporti donace tiom da dikaj vakskandeloj, kiom da jaroj havas la juna knabino, poste ŝi devas meti oritan kronon sur ŝian kapon kaj rampi sur la genuoj ĉirkaŭ la Maria-altaro kaj preĝi sep „estu benata".

La malgranda knabino haltis, pripensis iom, kaj aldiris: „Mi estas dekkvar-jara, oni bezonas do dekkvar kandelojn, belajn, dikajn kandelojn . . . la virino Nani povus iri, la lavistino, ŝi povas bone preĝi . . . sed ankaŭ Resi devas iri, ĉar Nani trinkas volonte kaj ŝi povus eble fortrinki miajn kandelojn . . ."

Sensencajo! Sed kion ne faras homo por sia sola malsana infano? Kaj fine, dekkvar kandelojn valoras ja la kaprico de malsana infano.

La virino Nani foriris do kaj ankaŭ Resi kun ŝi. Ili veturis en granda veturilo, kun ŝirmtegmento, ambaŭ kompreneble en dimanĉa vesto. Virino Nani estis fiera pro sia misio, kiel ĥina ambasadoro, Resi ankaŭ antaŭĝojis pro la amuzo kun la knaboj, kiujn ili ĉe la celo de la vojo trafos.

Dume la profesoro flegis mem sian malgrandan filinon kaj pro tio forgesis sian libron.

Kaj ĝi estis libro! Precizega, glacie malvarma, kaj kristale pura kiel ĝia verkisto . . .

En unu loko ĝi diras: „. . . Kompato kaptas la homon, kiam li rigardas la malĝojajn oferojn de l' mirkredo. Maljunuloj kaj infanoj, fanatikuloj kaj kripluloj, ĉiuj, ĉiuj ili ŝancele kuras al la mirakla idolo. Kion la freŝa aero de l' montoj ankoraŭ povus kuraci, tion sufokas la bonodorfumo kaj la aero malmovigita de la kandelvaporo; la malsanajn nervojn, kiuj sopiras al trankvilo, turmentas la ekscito de malgaja kulto kaj la lastaj groŝoj, klopode ŝparitaj eble por medikamento kaj fortiga nutraĵo, estas englutataj de nesatigebla oferskatolo . . ."

Virino Nani faris siajn preĝojn en plej bela ordo, aldonis eĉ, laŭ sia propra bontrovo, kelkajn *„Patro nia"*, jetis en la skatolon, kio decis al virgulino, kaj rapidis returni, ĉar ŝi ne volis, ke iu alia ol ŝi lavu la malgrandan fraŭlinon kaj ŝin vestu — se ŝi estus dume mortinta.

La malgranda fraŭlino tamen ne mortis, sed ŝi resaniĝis tute bone.

La profesoro povis sian verkon en trankvileco fini kaj eldoni.

„Pli da lumo! de doktoro Mikrokosmos" tia estis la titolo.

Jen estas libro! Nobla, militema, nekontraŭstarebla; tion povis skribi nur homo, kiu forskuis la katenojn de miljara antaŭjuĝo, kiu antaŭ neniu idolo sian genuon fleksas, ĉar li nenion atendas kaj nenion esperas, kaj ĉion en si mem trovas. Homo, kiu nenion timas, ankaŭ ne la morton, ĉar li scias, ke ĝi estas nenio alia ol la fino de organa vivo, ne pli terura ol la naskiĝo. Homo, kiu scias, ke la mondo ne estas dia domo, sed granda laborejo . . .

La amikoj de l' civilizacio ricevis la libron entuziasme; tri nigraj pastroj trempis siajn plumojn en flavan galon, por skribi tuj rebatan respondon.

La malgranda filino baldaŭ estis tiel resanigita, ke oni povis kun ŝi iri al banloko. Ili iris al banejo ĉe la lago.

„Ni devas supreniri kaj viziti la sanktan virgulinon," diris la filino, „kaj danki al ŝi pro ŝia favoro . . . ĉar iam faris knabino al virgulino solenan promeson, sed ŝi ne tenis ĝin; kiam venis la tago kaj horo, la filino sentis subite pikon en la koro kaj mortis . . ."

Kion ne faras homo pro amo al sia malsana infano? Kaj poste . . . iom da promenado sur monto ne malutilas!

Malrapide ili paŝis laŭlonge de foliara bordo. De la kapelo sonis triumfante la sonoriloj.

Ili iris mano en mano, la filino tute en blanka vesto, sian pajlan ĉapelon sur la brako.

La mirakla virgulino akceptis ŝiajn gastojn en festa vestaĵo, orbrodita, riĉe ornamita velurvesto; la kapon ornamita de granda arĝenta krono. Je ŝiaj piedoj brulis cent kandeloj, ĉirkaŭ ŝia trono ŝvebis blankaj nuboj de bonodorfumo kaj la orgeno muĝis. La pastro montris al la kredantoj la sanigan relikvion; la knabino ĵetis sin rapide sur la genuoj kaj la profesoro, sole staranta inter la genufleksantoj, kredeble subite perdis unu ĉemizbutonon, ĉar li kliniĝis malsupren kaj komencis fervore sur la fundo serĉi.

La ŝtonaj lipoj de la virgulino ridetadis rigide. Se ili estus povintaj paroli, ili estus dirintaj: „Granda vi estus, ho, vi homo, granda, nobla kaj potenca, nur se via infano ne estus kelkafoje malsana."

*Trad. A. Panajott.*

## Humoraĵoj.

### El testamento.

— Mian papagon, kiu la tutan tagon krias „malspritulo", mi lasas al mia bofilo.

*

### Nekredema.

— Mario, rigardu, jen iras S-ro P., ĉu vi ŝatas lin?

— Jes, sed li estas tre nekredema.

Kial?

— Jen ekzemplo: li tute ne volis kredi, ke mi portas bluan korseton; mi devis montri ĝin al li.

*

**Ĉio laŭ konvena mezuro.**

Ŝi. — Kion vi farus, mia kara, se mi falus en tiun ĉi abismon?

Li. — Ho, mi freneziĝus pro ĉagreno.

Ŝi. — Kaj vi ne edziĝus duan fojon?

Li. — Ne! . . . mi ne estus freneza ĝis tiu grado.

*

**Bona deziro.**

— Oni diras, ke vi foriras de ni, kara bopatrino?

— Adiaŭ, mia bofilo! Dio helpu, ke vi riĉiĝu, ke vi havu sesdek domojn kaj en ĉiu domo sesdek loĝejojn, en ĉiu loĝejo sesdek litojn, kaj ke la febro skuu vin sesdek fojojn ĉiutage kaj ĵetu vin el unu lito en la alian.

*

**Neatendita respondo.**

— Vi estas mensogemulo; vi neniam diras veron! Kiu vi fariĝos, kiam vi estos plenkreska?

— Advokato, mia patro!

*Tradukis S. Motard.*

## Respondo.

**34.** (p. 159.) Mi legis en la maja numero de *Lingvo Internacia* 1909 artikolon de S-ro Th. Cart, titolitan „Komuna kaj Scienca Lingvo". En ĝi troviĝas la frazoj:

„Eĉ kleraj homoj en la ĉiutaga vivo apenaŭ uzas 3—4000 vortojn. La literatura lingvo ne estas multe pli vorthava ol tiu komun-popola: Milton en Anglujo, Fénélon en Francujo bezonas nur ĉirkaŭe 8000 vortojn kaj la modernaj aŭtoroj malmultajn milojn pli."

*Van der Corput, Berlin.*

# Diversaj informoj

## Tutmonda petskribo por evito de l' milito inter la ŝtatoj.

Dum la lasta tempo minacantaj nuboj amasiĝis sur la politika ĉielo pro la „Maroko-afero", kaj ĝis nun oni ne ankoraŭ scias, ĉu la nuboj eksplodos kaj alportos al ni teruran militon inter gravaj eŭropaj ŝtatoj. Ni esperantistoj malŝatas la militon kaj kie ajn ni povas, ni klopodas pri la paco inter la nacioj, por kiu celo nia lingvo ja estas bonega helpilo. Kiel tia ĝi ankaŭ montras sin en petskribo, kiun Sinjorino Anna B. Eckstein, la fame konata amerika pionirino por la paco, direktas al la ŝtataj reprezentantoj de la tria tutmonda packonferenco en Haag. Tiu petskribo estas ankaŭ verkita en Esperanto, kaj per tio ĝi povas rondiri tra nia grandega Esperantujo por kolekti la subskribojn de nia pacamanta anaro. Por dokumenti nian kontraŭmilitan vidpunkton, estas necese, ke kiel eble plej multaj samideanoj subskribu la petskribon. Tio ne nur estos bona propagando por nia afero, sed antaŭ ĉio montros al la packonferenco la opinion de granda popolo vere konsiderinda.

Ni petas ĉiujn samideanojn, ke ili havigu al si la formularon por subskriboj kaj rondirigu ĝin en siaj rondoj kaj ĉe konatuloj. La oficejo por Esperantujo estas ĉe S-ro Dro Heinrich Arnhold, Dresden-A., Waisenhausstr. 20.

*G. E.*

## Letero al ĉiuj instruantoj de Esperanto!

Preskaŭ ĉiu instruanto de nia lingvo bedaŭrinde spertas, ke je la fino de la kursa instruado nur restas malgranda nombro da gefervoruloj. La aliaj forlasas la lernadon tuj post apero de eĉ malgrandaj malfacilaĵoj. Ke ĉi tiu fakto ne estas bona propagandilo por ni, ĉiu devas atesti! La foririntoj kompreneble ne kulpigas sin mem, aŭ iliajn propran malpaciencon kaj senkapablon, sed — ili riproĉas al nia lingvo malfacilegecon, eĉ maltaŭgon. Tio prokrastas kaj malhelpas la disvastigadon de Esperanto. Ĉi tiu plendinda vero postulas tujan kontraŭlaboron.

La unua devo estas, esplori la kaŭzon de la danĝera malbono. Jen — mia opinio, eble jam ofte dirita de aliaj samideanoj, sed ĉiam insiste ripetinda.

La multenombro ne scias sufiĉe bone la gramatikan regularon de la gepatra lingvo. Pro tio ili ne ekkaptas la klarigojn donitajn de la instruanto. Ili ne povas ekzerci kaj lerni per nacilingvaj ekzemploj, ĉar ili ne konas la esencon de la rilata lingva regularo.

Estas konata fakto, ke ĝenerale dum la lerneja tempo nur escepte la fako „Gramatiko" estas ŝatata de la lernantoj. Tio kaŭzas domaĝon al la plenaĝa homo. Dum la ordinara ĉiutaga vivo li eble ne rimarkas tiel grave la efikon de la iama malatenteco, sed kiam li intencas lerni fremdan lingvon, la juneca peko ĝenas multe la bonvolon.

Malgraŭ Esperanto estas multe pli facile lernebla ol ia nacia lingvo, ĝi tamen postulas laboron kaj bonvolan fervoron. Pro tio mi proponas al la instruantoj aŭ instruistoj, kaj ankaŭ al ĉiuj gelernantoj, ke ili, antaŭ la komenco de la esperanta instruado ekzamenu kaj ripetu la regularon de sia gepatra lingvo. Oni ja bezonas sian gepatran lingvon pro elekto de ekzemploj, pro ekzercado. Sekve — oni devas atentigi la gelernantaron pri la nepra graveco de la pritraktita fakto.

Mi certe kredas, ke la akcepto de la propono, ekzameni kaj perfektigi la partoprenantojn de esperantaj kursoj en la rilata gepatra lingvo je la instruada komenco, aŭ je komenco de ĉiu leciono, garantios plej intensan sukceson. Mi signifas tiun ĉi fakton kiel tre gravan faktoron, kies atentado estonte helpos la plej potencan progresadon de nia Esperanto!

Por pripensado kaj ankaŭ por plej bonaj proponoj antaŭdankema, salutas la gesamideanojn

*Gertrude Jacobi-Chemnitz.*

## Lichtbildervorträge über den Antwerpener Kongress.

Der gute Erfolg der im Mai d. J. veranstalteten Lichtbildervorträge hat Unterzeichneten veranlasst, wiederum eine Rundreise zu unternehmen.

Den Hauptgegenstand der Vorträge bildet der machtvoll und glänzend verlaufene AntwerpenerKongress. Ausser einer Reihe von vorzüglichen Lichtbildern über die eindrucksvollsten Kongressereignisse kommt aber auch (auf besonderen Wunsch) die von der Stadt Antwerpen authentisch herausgegebene Serie über die Sehenswürdigkeiten der Kongressstadt und eine eigens für die Vortragsreise angefertigte Anzahl von statistischen Lichtbildern (über Wachstum und Verbreitung des Esperanto) zur Vorführung.

Unterzeichneter stellt sich den Esperantovereinen in ganz Deutschland vom 15. September ab zur Verfügung und bittet sich betr. Auswahl des Datums und über die Bedingungen möglichst bald mit ihm in Verbindung zu setzen.

*Ernst Wichert,*
Charlottenburg, Leibnizstr. 25.

## Internacia Ligo de Poŝtoficistoj (Ildepo).

Poŝtistoj, Telegrafistoj el ĉiuj landoj, kuniĝu! En unueco sidas forto! Forto de unuiĝo estas granda membraro! Kiel membrojn oni akceptas geoficistojn ĉiurangajn de poŝto kaj telegrafo. La Liga organo „Poŝta Esperantisto" aperas aparte (ne plu kiel aldono de „Esperantisto"!) kaj enhavas vortaron speciale fakan en germana, franca, angla kaj esperanta lingvoj. Jara kotizo: 1 Sm. Informojn donas la subskribinto. — La esperantistaj gazetoj estas petataj, represi ĉi tiun alvokon kiel eble plej ofte. — Liganoj, varbu adeptojn! Ildepo staras sur internacia organiza fundamento kaj ebligas partoprenon al ĉiu poŝtisto kaj telegrafisto.

La prezidanto:
*Arnold Behrendt,*
*Supera Poŝtpraktikanto,*
Breslau 16, Maxstr. 22 (Germanujo).

## Deutsche Post- und Telegraphenbeamten-Vereinigung für Esperanto.

Alle Post- und Telegraphenbeamte des Deutschen Reiches, die sich für Esperanto interessieren, werden dringend gebeten, sich oben genannter Vereinigung anzuschliessen. Satzungen und nähere Auskunft durch den Unterzeichneten. Als Mitglieder werden männliche und weibliche Beamte der Post und Telegraphie (aber nur solche!) aller Rangklassen aufgenommen. Die regelmässig erscheinenden Vereinsmitteilungen bringen eine für Post- und Telegraphenbeamte besonders bearbeitete Wörter- und Phrasensammlung. Der jährliche Vereinsbeitrag beträgt mindestens 2 Mark.

Der Vorsitzende:
*Arnold Behrendt,*
*Ober-Postpraktikant,*
Breslau 16, Maxstr. 22.

## Grava avizo!

De la 12a ĝis la 22a de Oktobro okazos en Berlin (Ausstellungshallen am Zoologischen Garten) granda internacia ekspozicio de aŭtomobiloj. Ĝi estos tiom pli interesa, ĉar jam de kelkaj jaroj ne plu okazis tia ekspozicio. Estos reprezentataj fakaj ĵurnaloj internaciaj ekz. „Deutsche Fahrzeugtechnik", „Der Motorwagen", „Deutsche Automobilzeitung" kaj aliaj gazetoj de la flugmaŝina kaj aŭtomobila industrioj. Al teknikistoj kaj inĝenieroj esperantistaj speciale, plue al tiuj personoj, kiuj ĉeestis la „Sepan" kaj la kongreson de U. E. A. en Antwerpen, kaj al ĉiuj samideanoj ĝenerale, estu memorigata, ke la ekspozicio devos esti vizitata de ili, kaj speciale oni devas provi interparoli kun la eldonistoj aŭ ties reprezentantoj kaj sciigi ilin, ke francaj kaj aliaj ĵurnaloj jam tre multe okupas sin pri Esperanto, kaj ke nun ekzistas multaj fakaj organizoj kun speciala intereso por tiuj gazetoj. (Inĝeniera Asocio ktp.) *O. B.*

## Atentu eldonistoj kaj aĉetantoj de Esperantaĵoj!

Antaŭ ne longe mi vidis anoncita albumon de Dresden. Ĉar mi kun miaj filoj ĉiam volonte rememoras la belajn tagojn de l' Dresden'a Kvara, mi venigis la albumon kaj estis vere kontentega pri ĝia beleco; la bildoj havas nur Esperanto-klarigon kaj la verketo estas bona, inda propagandilo. Tio instigas min peti la eldonistojn, ke ili ĉiam zorgu, ke iliaj eldonaĵoj ankaŭ montru laŭ papero, aranĝo kaj ilustraĵo artistan guston, por ke ĉiu aĉetinto povu plenfiere montri la esperantaĵojn al la skeptikuloj. Jam ofte mi vidis poŝtkartojn, sigelmarkojn kaj aliajn similajn objektojn, kiujn pro ilia sengusteco mi ne dezirus, nek uzus, eĉ se ili estus senpagaj. Kaj mi konsilas al la samideanoj, ke ili, kvankam entuziasmaj por nia granda afero, tamen decide rifuzu aĉeti malbelajn esperantaĵojn, kiuj estas malindaj al nia celado. Tiamaniere ili malaperos pli rapide, ol kiam oni pro kolektemo aŭ ĝenerala entuziasmo por Esperanto ilin aĉetas kaj aĉetigas en la grupo.

*P. Christaller.*

## Peto al ĉiuj Esperantistoj.

Jam de longe mi okupiĝas per la kolektado de dokumentoj pri la evolucio de la helplingva demando. Mi deziras verki pri tio esperantan verkon, priparolante la demandon bibliografie kaj historie. Pli antaŭe mi ankoraŭ bezonas havi kelke da mankantaj verkoj. Vidante la malfacilecon, kiu malhelpas al mi la akiron de la bezonata materialo: mi treege petegas mian helpeman samideanaron pri afabla helpo sekvanta.

1. Por donaco de ĉiuj verkoj, libroj, broŝuroj, revuoj, artikoloj (eltranĉitaj el ĵurnaloj), kiuj rilatas aŭ speciale aŭ ĝenerale al la helplingva demando aŭ al pasigrafio.

2. Por serĉado en ĉiueblaj librovendejoj kaj por afabla sciigo de la titoloj, aŭtoroj, prezoj de la trovitaj verkoj, oni serĉu en katalogoj sub Volapük, ĝenerala filologia kaj „Varia" titolo), ke mi povu ilin aĉeti ĉe la montrita firmo.

3. Por donado de adresoj de ankoraŭ vivantaj malnovaj volapükistoj.

Mi petegas miajn altestimatajn samideanojn, min sciigi pri ĉiu verko, kiu estus vendebla aŭ interŝanĝebla kaj rimarku ĉion, eĉ la plej malgrandan folieton. Interŝanĝe mi laŭdezire rekompencos la helpanton.

Mi tiel esperas ricevi novan forton kaj materialon, por kio mi sendas al ĉiu helponto mian plej koregan antaŭdankon.

Budapest, IX. Uellöi-út 59 (Hungarlando).

*Prof. A. de Marich,*
*ĉefred. de „La V. St.“*

## Alia urbo provos Esperanton.

Al ĉiuj esperantistoj, kiuj deziras kian ajn informon pri la urbo Tacoma aŭ ĝia ĉirkaŭaĵo, nia komerca klubo estas nun preta respondi en Esperanto. Ni esperas, ke ĉiuj interesuloj ekprenos ĉi tiun okazon por informi sin pri la vasta kaj mirinda Okcidento. La Okcidento estas la lando de la estonteco; Washington estas la ŝtato de promeso, kaj senhezite ni povas rekomendi Tacoma'on kiel la plej belegan kaj plej allogan urbon en nia ŝtato. Ĝi estas moderna urbo kun pli ol 100 000 loĝantoj. Ĝia alloga ĉirkaŭaĵo, ĝia milda klimato (somera temperaturo 60—65 $^0$, vintra 40—45 $^0$ F), ĝia beleco kaj pureco igas ĝin ideala urbo por la serĉanto de hejmo. Ke tio estas fakto atestas la ĉeesto en nia urbo de multe da progresemaj alilanduloj. Skribu tuj al

*„Commercial Club“, Tacoma, Washington, U. S. A.*

## La holandaj postkongresanoj

estu kore dankataj pro la belega artdonaco, kiun mi ricevis. Ĝi estos por mi memoraĵo al la tagoj, kiuj ankaŭ por mi estis ĉiurilate tre agrablaj pro la simpatio, kiun la kongresanoj tiel malavare montris al mi.

*Nella Boon.*

Grupkartoj de la kongresanoj antaŭ la reĝa palaco en Amsterdam estas haveblaj po 10 holandaj cendoj, afrankite por 1 respondkupono ĉe Esperanto-Oficejo, Prinsestraat 48, Haag.

## Esperantista Instruistaro.

Die esperantosprechenden Lehrer Sachsens treffen sich Sonntag, 1. Okt., 11 Uhr vorm. in Leipzig, Mariengarten (Nähe Kristallpalast) zu einer Besprechung über event. Zusammenschluss.

# Bibliografio.

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
*(alle mit Sternchen versehenen Bücher sind erhältlich durch:)*
*Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin SW. 68, Lindenstrasse 18/19.*

* **Sinjoro Herkules,** unuakta burleskaĵo de Georg Belly; tradukis H. Arntz kaj M. Butin. (Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 19.) Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin. Prezo 0,100 Sm.

Jam denove, mallonge post la apero de l' antaŭa numero, la ŝatata Biblioteko de Esperanto Verlag Möller & Borel pliriĉiĝis per tre taŭga, bonstila teatraĵeto. La legantoj de „La Instruanto“ jam povis ĝui en tiu gazeto la originalecan efikan stilon de la verko, kaj certe ili retrovis en la traduko ĉiujn ecojn de la originalo. — La bonhumoraj scenoj de tiu ĉi bone konata hazard-komikaĵo amuzos kaj ridigos ĉiujn kaj tre ŝatigos „Sinjoron Herkules“ por prezentadoj en esperantaj grupoj kaj societoj. — La traduko estas, laŭ lingva vidpunkto, kiel ĉiuj de la kolekto E. B. I., tre bona, kaj ĝoje mi rimarkas, ke eĉ la kelkaj malmultaj nebonaĵoj, kiuj eble ĝenis la leganton de „La Instruanto“, estas forigitaj. Esperanta Biblioteko Internacia ĉiam antaŭen! *Lr.*

*

* **La Organizado de la intelekta laboro per „La Ponto“.** Duobla mondformato (16:22,6 cm), 157 paĝoj; Eldonejo de Fr. Seybold-Ansbach. Prezo 2 Sm.

La libro reprezentas la esperantan tradukon de l' germana originalo de la verkintoj K. W. Bührer kaj Ad. Saager. Kun la helpo de 14 germanaj esperantistoj — kies nomoj troviĝas ĉe la fino de la libro — la tradukado estas farita de J. Schmid en Bern (Svislando). Laŭ multaj de mi aŭditaj konsentoj la traduko estas bonega kaj la stilo rekomendinda, kvankam la esperantiĝo estis tre malfacila pro la multaj teknikaj esprimoj kaj la nepre scienca enhavo. La libro entenas la fundamentajn principojn por la internacia instituto „La Ponto“, kiu estis fondata en München la 12an de Junio 1911, kaj kiu celas ne malpli ol la organizadon de la tuta intelekta laboro. La originalaj kaj eminente praktikaj rimedoj por la plenumado de ĉi tiu gravega tasko plene estas priskribitaj en la vere interesa libro, al kiu Prof W. Ostwald, honora prezidanto de „La Ponto“, donis gravan moton. Ĉiu esperantisto nepre legu la altvaloran verkon, ĉar en ĝi oni trovas praktikan vojon por atingi tiujn celojn, kiujn precipe Esperantismo kaj esperantistaro celadas. — Sed ankoraŭ pro alia kaŭzo la libro devas interesi nin: El la esperanta traduko la eldonejo Seybold fariĝas nun la tradukojn en 12 naciajn lingvojn (angla, franca, hispana, holanda, hungara, itala, norvega, pola, portugala, rumana, rusa kaj sveda). Tiamaniere jam en aŭtuno la libro estos havebla en ĉiuj gravaj lingvoj kaj rapide „La Ponto“ povos disvastiĝi sur la tuta tero. Laŭ la principoj de la instituto la tuta intelekta laboristaro tiam aŭtomate organiziĝos kaj ĉiu laboro sur la intelekta kampo fariĝos ne nur pli facila, sed precipe pli fruktodona kaj pli efika.

Grava afero ankaŭ estas, ke „La Ponto“ celas plenumi sian taskon per la helpo de internacia artefarita lingvo. Kaj ĉar jam nun Esperanto pruvis sian uzeblecon kaj taŭgecon interne de la instituto, estas sufiĉe certe, ke oni definitive akceptos ĉi tiun lingvon. Ni esperantistoj bone atentu la gravan kaj utilegan organizaĵon, ni grandare aliĝu al ĝi, kaj la rezultato estos bonega por nia movado. Tial mi ree konsilas: Legu, studadu ĉi tiun epokofarantan libron! *Urso.*

*

**Ankoraŭ „Hermano kaj Doroteo“.** (Komparu la recenzon en la antaŭa numero, p. 185.) Pri la postparolo, almetita de la eldonejo, mi ankoraŭ devas diri kelkajn vortojn. Küster „ne imitis la heksametron de Goethe, kiu laŭ germana maniero almiksas jambojn al la daktilioj“ (kial ne daktiloj?).*) Nu — Goethe ne enmiksis jambojn (◡ _́), sed trokeojn (_́ ◡). La antikvaj lingvoj permesis la anstataŭigon de daktiloj per spondeoj (_́ _). En la germana lingvo fariĝis el la anstataŭigilo „_́ _“ (t. e. silaboj: longa kun akcento, longa sen akcento) la formo „_́ ◡“ (t. e. silaboj: akcentota, ne akcentota) pro la nepre alia

*) Eble pro tio, ke „daktilo“ ankaŭ havas alian signifon (nomo de frukto). *Red.*

karaktero de germanaj versoj. La antikvaj poetoj devis atenti la longecon kaj la mallongecon de la silaboj, la germana poeto, same kiel la esperantlingva, atentas la akcenton de l' vortoj. Komparu: daktilo ⏒ ◡ ◡ t. e. silaboj: longa kun akcento, mallonga sen a., mallonga sen a. por la antikvaj lingvoj; silaboj: akcentota, ne akcentota, ne akcentota por la germana kaj esperanta lingvoj. Ĉar unu longo „—“ egalas du mallongojn „◡ ◡“ en la antikvaj lingvoj, oni ricevas la eblan anstataŭon „⏒ —“; jen spondeo. En la germana kaj esperanta lingvoj naskiĝis „⏒ ◡“, t. e silaboj: akcentota, ne akcentota. Kompreneble: akcentota laŭ versritmo. Ke la tradukinto Küster nur uzis daktilojn, tio pli multe meritas, laŭ mia opinio, neimiton ol imiton. La nur daktila heksametro fariĝas iom unutona; la enmikso de trokeoj aŭ spondeoj naskas apartan ĉarmon kaj ofte estas uzita, ekzemple de Ovidius (latina) kaj Homeros (greka), por la antaŭlasta versmetro en heksametroj por esprimi naskiĝantan trankvilon aŭ solenecon. Ke „la ritmo konsekvence daktila estas multe pli facile komprenebla al latinaj popoloj“, tion mi pridubas. *Arnold Behrendt.*

*

***Ostlorn,** vilaĝaj skizoj de S. Ulfers; el holanda lingvo esperantigis M. J. Wessel; eldonis D. Van Sijn kaj Zoon, Rotterdam. Prezo 3,40 M., tolebindita 4,20 M.

Mi ĉerpas el la antaŭparolo de l' verkinto: „Mi vidis la belecon de la vivo de l' terkulturistoj, inter iliaj terajoj kaj grenkampoj, sub la nubaro. Mi ankaŭ vidis la belecon de la pastreco inter tiuj homoj. Kaj pri tiu beleco mi ekrakontos.“ Estimata leganto, anstataŭigu la vorton „mi“ per la vorto „li“, kaj jen: mia kritiko pri la verko. Vere, pri beleco la poeta verkinto rakontas, ne pri jena beleco, kiu sin rimarkigas per sintrudaj koloroj, formoj kaj vortoj, sed pri beleco, kiu denove igas kredi je la dieco de l' homoj. Ĉarma, dolĉa melodio eliras el la vortoj de l' poeto (vera poeto rakontas!), ĝi vekas eĥon el la koro kaj animo, ĝi ridigas kaj plorigas. Kaj traleginte la libron ankaŭ mi revis kiel la vilaĝano Vigen „pri la regno de l' ĉieloj“.

La eperantlingva traduko kontentigas. Tamen mi deziras, ke dua, espere baldaŭ aperonta, eldono ne plu montru la trouzon de „ol“ kaj „jes“ kaj kelkajn malbonaĵojn laŭ lingva vidpunkto, ekz.: „lerni“ anstataŭ „lernigi“ (p. 1.), „ĉesi la laboron“ anstataŭ „ĉesi labori“ (p. 73) k. s. — Apartan mencion meritas la poemo de Gezelle pri „Sambukvepro“ (planto) sur paĝoj 212 kaj 213 pro la ĉarma ritmo kaj enhava beleco. Pro la farita laboro de l' tradukinto oni devas gratuli lin kaj — la esperantistaron.

*Arnold Behrendt.*

*

***Aline,** svisa rakonto de C. F. Ramuz, tradukita de René de Saussure. Universala Esperantia Librejo, Ĝeneve. Prezo 2.— M.

Kun granda ĝojo ĉiu legos tiun tradukon, venintan el la plumo de nia fama Antido. Kun granda intereso la leganto esploros, kiel povas paciĝi absoluta teorio kun praktiko necesa. — La rakonto mem estas efektive ĉarmega, kaj la traduko denove pruvas, kiom Esperanto, uzata de lerta stilisto, taŭgas por respeguli ĉiun nuancon, kiun enhavas la originalo. Prof. de Saussure bonege montras al ni tra la prismo de Esperanto pure francan, kaj eĉ senteble svisfrancan verkon, tamen absolute kompreneblan de ĉiu popolano, posedanta nian lingvon. Tio, ke mi notos kelkajn esprimojn de mi juĝatajn nebonaj, tute ne intencas malplialtigi la valoron de tiu ĉi poeziplena verko.

Jen la ĉefaj punktoj, kiuj ne povis akiri mian konsenton: kelkafoje mi sentas la mankon de l' artikolo, kie ŝajne la tradukinto tro severe sekvis la originalon; „iĝi“ estas iom trouzita (ekz. danciĝis en la vilaĝo); tute ne plaĉas al mi esprimoj kiel: orizita arĝento (orkovrita), brosilo (broso), girlandizita (girlandornamita), fumizitaj traboj (fumkovritaj, fumonigrigitaj), sulfodoranta vino (sulfurodora), minto (mento). orizita rando de biblio (orpresita). — Krom tio mi rimarkis kelkajn punktojn, kie la uzo aŭ neuzo de adverbo kaj akuzativo ŝajnas neĝusta. Tamen la elserĉon de tiuj eraroj same kiel de kelkaj vortoj, kiuj ŝajnas ne tute taŭgaj, mi lasas al la legontoj, kiuj certe sentos post la ellego de tiu ĉi libro tiun kortuŝan kvieton, kiu elradias el ĉiu ĝia paĝo. *Lr.*

*

***La radioj de Roentgen.** Rakonto de Leo Belmont. Tradukis Kabe. Kolekto de „Riga Stelo“, Riga. Prezo 0,100 Sm.

Tiu ĉi libreto aperis kiel No. 2 de Esperanta Universal-Biblioteko, kiun „Riga Stelo“ eldonas. La rakonto nur estas mallonga, sed tamen interesa kaj emocia. Ĝi montras al ni malfidelan edzinon, kies kulpoj la edzo hazarde sciiĝas pere de „radioj de Roentgen“. Pro ektimo pri tiu malkaŝiĝo la edzino mortas de apopleksio. — La traduko estas, kiel ĉiuj de nia fama stilisto, bonega. *Lorotiel.*

*

**Malgranda Biblioteko.** Eldonaĵo de „Hungara Studento“, Budapest VII, Alpár-utca 8 sz. Prezo po kajero 30 hel. (0,150 Sm.).

**No. 1a:** Trezoro de la Rajaho. Poemoj. Hungarkronika bildo. Humoraĵoj.

**No. 2a:** La lerta juĝisto. La moko kiel propagilo de Esperanto. Pento. Poemoj. Humoraĵoj. Anekdotoj.

*

**Piccolo Manuale della Lingua Internazionale Ausiliaria Neutra Esperanto.** Traduzione di E. Fasce della „Brochure Rouge“ di Carlo Bourlet. Propaganda Esperanta Eldonejo. 4, Via d. Chiossone, Genova (Italujo). Prezo 10 Centesimi.

*

**Gvidfolio tra Ansbach** (Bavarujo). Havebla ĉe: Esperanto-Oficejo Ansbach. Prezo ne montrita.

## Muzikaĵoj.

***Elekto el „Germana Kanttrezoro“ de Erk,** kun esperantaj tekstoj. tradukitaj de anoj de Germana Esperanto-Asocio. C. F. Peters, Leipzig. Prezo 1 Sm.

Propravole la bone konata eldonejo de Peters eldonis ĉi tiun kajeron, kiu prezentas al la esperantistaro 37 el la plej belaj popolkantoj germanaj. Estas malfacila tasko aranĝi vere taŭgan popolkantaron en Esperanto. Plej ofte la nacilingvaj tekstoj, pro ilia karaktera ĉarmo, kiu sidas en ili, ne sufiĉe bone estas tradukeblaj. Jam de longe la „muzika fako“ de G. E. A. okupiĝis pri la popolkanta afero, kaj jen la sukceso! Kun ĝojo mi povas konstati, ke la esperantaj tekstoj, kiuj en la priparolata kantaro estas metitaj apud la

germanaj, estas modele tradukitaj de konataj samideanoj. Oni nur elektis la plej taŭgajn por traduko kantojn, tiamaniere kreante multvaloran verkon. Ĉiu kantema esperantisto povas plenkonfide aĉeti ĉi tiun kajeron; li ne estos seniluziigita pri ĝi kaj volonte uzos ĝin por kanti la ĉarmajn melodiojn. — La notoj estas aranĝitaj por unu mezalta voĉo kaj akompananta fortepiano. — Do la esperantistaro danku la eldonejon pro la intereso, kiun ĝi montris por Esperanto per la eldono de la bela kajero. Kaj la plej bona danko estas: multoble aĉeti la kantaron. *Ek.*

*Himno Espero.** Melodio por Soprano aŭ Tenoro. Poezio de Dro L. L. Zamenhof. Muziko de Henri de Coppet, Paris. Propra eldono. Prezo 0,750 Sm.

Jen lerte farita, bonmelodia komponaĵo. Sed kial ĝuste nova himno? Ĉu nia Menil'a melodio jam estas eluzita? Laŭ miaj spertoj, faritaj ĉe la „Sepa", mi tion ne kredas. *Ek.*

# Oficialaj sciigoj de la Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)

**Deutscher Esperanto-Bund (Eingetr. Verein) Geschäftsstelle: Bromberg, Neuer Markt 8.**

## 7. Deutscher Esperanto-Kongress 1912.

Laut Beschluss der letzten Beiratssitzung in Dresden soll der nächstjährige deutsche Kongress in Danzig-Zoppot, unmittelbar vor dem Krakauer Kongress (8. internationaler), stattfinden. Die Kongresskarte kostet 5.— M.

Wir bitten diejenigen Esperantisten, die am Kongress teilzunehmen beabsichtigen, sobald als möglich ihre Karte zu bestellen und den Betrag an das Bankgeschäft Meyer & Gelhorn, Danzig, Langer Markt, einzusenden.

*

## Aufruf an die Nichtesperantisten betr. 100 000 M. Fonds.

Am 15. Oktober erscheint der Aufruf an die Nichtesperantisten betr. Zeichnung von Bausteinen für den 100 000 M. Fonds. Da dieser Aufruf ein vorzügliches Propagandamittel darstellt, sollte jede Ortsgruppe, jeder Esperantist eine Anzahl zur Verteilung beziehen. Sie werden zum Preise von 2 Pf. pro Stück abgegeben, bei grösseren Bezügen mit entsprechendem Rabatt. Bestellungen sind an die Geschäftsstelle, Bromberg, Neuer Markt 8, zu richten.

*

## Vortragsreise.

Unser durch seine Redegabe bekannte Samideano Privat beabsichtigt, in diesem Winter eine Vortragsreise durch Deutschland zu veranstalten.

Alle Ortsgruppen, die ihn hierbei unterstützen und sich einen Vortrag sichern wollen, werden ersucht, sich möglichst umgehend mit uns in Verbindung zu setzen, um die Einzelheiten zu vereinbaren.

*

## Notiz.

Wegen Abwesenheit des Geschäftsführers konnte der Bericht über die letzte Beiratssitzung nicht mehr rechtzeitig für diese Nummer fertiggestellt werden. Er wird in der nächsten Nummer erscheinen.

*Die Geschäftsstelle.*

*

## Eingaben an Behörden.

Nr. 2.

Wir bitten, die untenstehende Eingabe an die Polizeibehörde am Platze der Ortsgruppe zu richten.

*Die Geschäftsstelle.*

An die Polizeibehörde zu . . . . . . . . .

Die unterfertigte Esperantogruppe . . . . . . . ., Ortsgruppe des Deutschen Esperanto-Bundes E. V., gestattet sich, bei der hochgeehrten Polizeibehörde in Anregung zu bringen:

Eine Anzahl von Polizeibeamten in der internationalen Hilfssprache Esperanto ausbilden zu lassen.

Die unterzeichnete Gruppe würde für den Fall, dass dieser Anregung Folge gegeben würde, gern bereit sein, unter günstigen Bedingungen den erforderlichen Unterricht zu erteilen und auch nach Abschluss des Lehrgangs für Fortbildung der betreffenden Beamten Sorge zu tragen.

Da vielleicht der geehrten Polizeibehörde nicht bekannt sein dürfte, in welch ausgiebiger Weise Esperanto bei Polizeibehörden Verwendung findet, gestatten wir uns den ergebenen Vorschlag, bei der Königl. Polizeidirektion Dresden Erkundigungen einzuziehen; diese dürften überzeugend dartun, dass Esperanto sowohl im Dienste der Fremdenpolizei als auch im internationalen kriminalistischen Nachrichtendienste sich völlig bewährt hat; dass nicht nur verschiedene deutsche Polizeibehörden und -verwaltungen Esperanto vielfach praktisch verwenden, sondern esperantokundige Polizeibeamte in Paris, Haag, London, Antwerpen, Budapest, Barcelona, Kopenhagen u. a. m. ausgebildet wurden.

Es dürfte erwartet werden können, dass das gute Beispiel, das die Polizeidirektion Dresden durch die Veranstaltung öffentlicher Prüfungen der esperantokundigen Beamten gegeben hat, und der Umstand, dass Herr Polizeipräsident Koettig Mitglied der Leitung des Sächsischen Esperanto-Institutes ist, vorbildlich auch für die Polizeibehörde unserer Stadt wirken sollte.

Einer hoffentlich recht günstigen Entscheidung gern entgegensehend, zeichnet

mit vorzüglicher Hochachtung

ergebenst

Die Esperantogruppe . . . . . . . . . . . . . . . .
Der Vorsitzende: . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Adresse: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .